# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Aŭgusto n-ro 8/2009

## VIRTUALA VENDEJO DE B.E.L. BONE FUNKCIAS

Adonis Saliba, la kompetenta kaj zorgema respondeculo pri la retpaĝaro de nia Ligo, ĵus sendis al la tuta estraro detalan statistikon pri la alirado de la publiko al tiu servo. Kvankam ĝi povus esti multe pli nombra, tamen oni neniel subtaksu la valoron de tia informilo. Necesus tamen, ke la samideanaro ne nur vizitu ĝin pli ofte, sed ankaŭ instigu siajn amikojn kaj konatojn tion fari. Krome, la virtuala vendejo, alirebla per interreto, bonege funkcias: provu mem konsulti ĝin – eventuale vi motiviĝos facile mendi Esperantaĵon! Nuntempe, la estraro de nia Ligo vigle diskutas por trovi manieron faciligi la pagon, ekzemple per kreditkarto. Jen la vizitinda adreso: http://libroservo.esperanto.org.br/p/

Foto: Roosewelt Pinheiro/ABr

## LULA APOGAS ESPERANTON

Je la 16-a de junio la ŝtatestroj el Brazilo, Rusujo, Hindujo kaj Ĉinujo kunsidis en Rusujo por diskuti pri la ekonomia krizo en la mondo. Tiuokaze, Probal Daŝgupta, Prezidanto de Universala Esperanto-Asocio, sendis al ili leteron por pledi, ke ne nur el financa vidpunkto oni devus pripensi, sed ankaŭ pri lingva egaleco kaj la Esperanta propono. Prezidanto Lula respondis per vortoj tre favoraj al nia afero. Pli detalan raporton legu en la retpaĝaro de Brazila Esperanto-Ligo: www.esperanto.org.br .

## SAN-PAŬLO KONGRESOS

Du gravaj eventoj akceptos geesperantistojn en ŝtato San-Paŭlo, en la proksimaj monatoj. Je la 20-a de septembro, en Caraguatatuba, sub la ĉefa organizado de D-ro Maurício M. Gomes, okazos unu plia Renkonto en la Paraíba Valo. Kvankam la programo estas unutaga, tamen turismemuloj estas invitataj alveni en la antaŭa tago, por ĝui la belegan marbordon. Pliajn informojn ĉe mmonken@uol.com.br .

Tuj poste, en Bauru (350 km for de la ĉefurbo), je la 10-a ĝis la 12-a de oktobro, sin proponas la IV-a Ŝtata Kongreso, kun mediprotekta ĉeftemo. Informiĝu per http://kongreso.easp.org.br . Kaj nepre ĉeestu, ĉar la ŝtataj kongresoj en San-Paŭlo estas kutime riĉenhavaj.

## BRAZLÂNDIA SUKCESE ESPERANTUMIS

Imprese listiĝas la regionaj, ŝtataj kaj lokaj kongresoj kaj renkontoj inter Esperantistoj en nia lando. Je la 15-a de aŭgusto okazis la 16-a Esperanto-Renkonto en la urbo Brazlândia, proksime al Brasília. Prelegis d-ro Ulisses Riedel, prezidanto de la institucio Unio Planeda. Gelernantoj el la lernejo, kie okazis la evento, arte sin prezentis, same kiel la konata komponisto, kantisto, muzikisto kaj aktiva Esperantisto Flávio Fonseca kaj lia filino Klara. (Informis Carlos Maria.)

## DUME, EN MONGAGUÁ...

En la urbo Mongaguá, dume, unu sola samideanino klopodas doni sian kontribuon al nia afero. Sonia M. Ribeiro tie proponas instruadon de Esperanto en sia propra hejmo, al ĉiu ajn interesato. Sufiĉas telefoni al (13)35062617 aŭ 97243909. Bela ekzemplo...

**Ĉu vi aŭskultis ĉi-semajne la radiprogramon "PAROLU, MONDO!"? Nepre faru tion! http://parolumondo.com**

## LOJA VIRTUAL DA LIGA FUNCIONA

Adonis Saliba, responsável pela página da Liga Brasileira de Esperanto na Internet, acaba de fornecer à Diretoria da entidade detalhada estatística sobre a frequência de acessos ao sítio. Cabe a todos nós visitar com frequência nosso principal acesso ao mundo da rede, bem como divulgá-lo. Enquanto isso, visite a loja virtual da Liga: http://libroservo.esperanto.org.br/p/ . No momento, a diretoria se empenha para estabelecer pagamentos por cartão de crédito.

## LULA APOIA O ESPERANTO

Em 16 de junho último, o Presidente da Associação Universal de Esperanto enviou carta aos presidentes do Brasil, Rússia, Índia e China, reunidos na Rússia para discutir a crise econômica. Probal Dasgupta exortou-os a se preocuparem também com a desigualdade lingüística no mundo. O Presidente Lula respondeu com enfático apoio ao Esperanto. Mais detalhes no sítio da Liga.

## IMPORTANTES ENCONTROS EM SÃO PAULO

Anote na agenda e compareça: em 20 de setembro próximo, Encontro de Esperanto do Vale do Paraíba, em Caraguagatuba: informações com mmonken@uol.com.br. Vale a pena chegar na véspera, para passear um pouco...

De 10 a 12 de outubro, em Bauru, 4º Congresso Paulista de Esperanto, em Bauru: http://kongreso.easp.org.br.

## BRAZLÂNDIA FALA ESPERANTO

Com palestra do Dr. Ulisses Riedel, presidente da União Planetária, além de apresentação de Flávio Fonseca e sua filhea Clara, aconteceu o 16º Encontro de Esperanto de Brazlândia, próximo de Brasília, em 16 de agosto último. (Informou Carlos Maria.)

## ESPERANTO NO LITORAL

Sonia M. Ribeiro se oferece para dar aulas de Esperanto gratuitamente, em sua residência, em Mongaguá: (13) 35062617 aŭ 97243909. Belo exemplo!...

**Programa "Parolu, Mondo!" http://parolumondo.com**

BEL informas
Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br
Redaktas: Paulo Sergio Viana, Aŭgusto n-ro 8/2009

## MARIA NAZARÉ LAROCA PREZENTAS TEZON PRI ESPERANTO

Antaŭ kelkaj tagoj la aktiva kaj konata Esperantistino el Juiz de Fora / MG, Prof-o Nazaré Laroca, prezentis tezon ĉe Universitato de Ŝtato Rio-de-Ĵanejro sub la titolo "La tempa karaktero de verboj en Esperanto". Unu el la profesoroj, kiuj ekzamenis ŝin proponis post la prezento, ke Nazaré organizu esplorgrupon pri Esperanto en universitato, kaj starigu enkondukan kurson, kadre de Lingvistika Kongreso pri la portugala lingvo, kiu okazos en Niteroi / RJ, en 2010. Ankaŭ Prof-o José Passini, Prezidanto de Brazila Esperanto-Ligo, partoprenis kiel ekzamenanto.

## ESPERANTO EN UNIVERSITATO DE PARANÁ

CELIN – Centro de Lingvoj kaj Interkulturo en Federacia Universitato de Paraná – proponas bazajn kaj daŭrigajn kursojn de Esperanto, kiuj komenciĝas en la nuna aŭgusto. Tel. 3363-3354 / 3254-8715 www.celin.ufpr.br

## E-KLUBO EN ESPÍRITO SANTO HAVAS SIDEJON

Ĉiusabate geesperantistoj en la ĉefurbo de la ŝtato kunsidas ekde la 14-a horo, ĉe Lernejo Adão Benezarth, Str. Professora Clara Lima, 63, kvartalo Antônio Honório. La lernejo situas proksime al Esperantomonumento, en la urbo Vitória. Informiĝu pli detale: wolcampos@gmail.com. Gratulon!

## PRELEGO PRI ESPERANTO AL ROZKRUCANOJ

La aktiva Esperantistino Eni A. Oliveira prelegis en la urbo S. José dos Campos al rozkrucanoj, je la 22-a de aŭgusto. La evento estis malfermita al la publiko, ĉe "Capítulo Rosacruz São José dos Campos", str. Ipanema, 200, Jardim Satélite.

## BRAZILANO PREMIITA PRI FILMOFARADO EN RUSUJO

Farado de filmoj estas oportuna maniero uzi kaj disvastigi Esperanton kaj kulturon, ĝenerale. Evandro F. Avellar, prezidanto de Taguatinga Esperanto-Klubo, premiiĝis en konkurso starigita de REJM – Rusia Esperantista Junulara Movado. Temas pri produktado de filmoj, kaj oni rivevu pli detalajn informojn per la adresoj http://filmoj.net/konkurso-nr-1 kaj http://filmoj.net .

## ESPERANTO EN INTERRETO

Ĉiu Esperantisto scias, ke tro multaj homoj en nia mondo tute ne scias, kio estas Esperanto. Interreto estas taŭga, rapida kaj senpaga maniero informi ilin. Ĉiu samideano devus konstante "bombardi" siajn amikojn kaj konatojn per tiaj informoj. Tamen, ne ĉiam oni trovas oportunan materialon. La aktiva kaj kompetenta Aloísio Sartorato, el Rio, proponas lerte faritan, allogan bildserion kun trafaj, rapidaj informoj pri Esperanto. La materialo konsistas el nemultaj, facile kaj rapide legeblaj tekstoj, kun atentovekaj ilustraĵoj, sub la titolo "Esperanto: utopia ou realidade?". Pretigis la serion li mem kaj Carlos Alberto G. Silva. Petu kopion de la bildserio de ludoviko44@yahoo.com.br . Kaj amase disvastigu ĝin!

## TESE SOBRE ESPERANTO

A conhecida Esperantista e Professora Nazaré Laroca recentemente defendeu tese na Universidade Fluminense, sobre o tema "O caráter temporal dos verbos em Esperanto". Um dos examinadores a convidou a realizar pesquisa para o Congresso de Linguística, que acontecerá em Niterói / RJ, em 2010. O Professor José Passini, presidente da Liga Brasileira de Esperanto, participou da banca examinadora.

## ESPERANTO NA UNIVERSIDADE DO PARANÁ

O Centro de Línguas e Intercultura daquela universidade inicia cursos de Esperanto, em dois níveis, em agosto: www.celin.ufpr.br

## CLUBE DE ESPERANTO DO ESPÍRITO SANTO TEM NOVA SEDE

Fica na Escola Adão Benezarth, R. Profª Clara Lima 63, próximo ao monumento ao Esperanto, em Vitória. Contato com wolcampos@gmail.com .

## PALESTRA AOS ROSA-CRUZES

Eni Oliveira fez palestra sobre o Esperanto, em 22 de agosto, no Capítulo Rosa-Cruz de S. José dos Campos / SP.

## FILME BRASILEIRO PREMIADO

Evandro Avellar, presidente do Clube de Esperanto de Taguatinga / DF, foi premiado em concurso de vídeos promovido pelo Movimento da Juventude Esperantista da Rússia: http://filmoj.net/konkurso-nr-1 kaj http://filmoj.net .

## PPS SOBRE ESPERANTO

A internet é excelente veículo de informação – rápido e gratuito. O competente e engajado Esperantista Aloísio Sartorato, do Rio, apresentou recentemente seu novo PPS para informação rápida, objetiva e precisa sobre nosso idioma. Peça uma cópia: ludoviko44@yahoo.com.br .

## Lucas Vignoli aperis en la virtuala versio de la revuo "VEJA"

Legu per "http://veja.abril.com.br" 28-07-2009